# PENSEO

N-ro 219

jan. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Guozhu

# Gratule al CRI

—okaze de la 45-jariĝa jubileo
de la E-elsendo
(2009-12-19)

Pri la unua sorĉ-momento
ĝis nun mi ankoraŭ memoras:
Kiel via voko sonoras
tra vasta ĉina firmamento

al oriento, okcidento!
Aŭdante mi pie adoras.
Pri la unua sorĉ-momento
ĝis nun mi ankoraŭ memoras.

Per diligento kaj talento
vi ĉiam fidele deĵoras.
Rekompenco inda valoras:
Kreskas impona monumento

ekde la unua momento.

## Vejdo

# Ĉe Sojlo de Tigra Jaro

Jam pasis la malnova jar'
kun plenespero venas nova.
Aspiras ni al sukceskova
afero verda sen kompar'.

Senĉese ni per ŝvita far'
laboru por elpaŝ' ekŝova.
Jam pasis la malnova jar'
kun plenespero venas nova.

Plenforte saltu ni trans bar'
de antaŭjuĝo laŭbontrova.
Reala ago ĉionpova
konkeros vermojn kun prepar'.

Jam pasis la malnova jar'.

## Guozhu

# Funebre pri S-ino Magdalena

La informo pri Magdalena
fulmtondre min batas dolore.
Falas la ĉielo horore!
En malĝojo dronas mi svena.

Ĉar impresas ĉiam serena
ŝi por La Gazeto labore.
La informo pri Magdalena
fulmtondre min batas dolore.

Kiel ofte ŝi per saĝplena
inspiro min helpis favore.
Funebras mi Guozhu adore
el Ĉinio kun koro bena

per rondelo pri Magdalena!
2009-12-01

# Rimportreto

## Magda Lena

Magda Lena el franca nordo,
kontribuas per <La Gazeto>,
kune kun EdZ en dueto---
paro en perfekta akordo.

Aranĝas ĉion en bonordo.
Altiras nin kvazaŭ magneto.
Magda Lena el franca nordo,
mondon ligas per <La Gazeto>.

Duonjare for de la bordo,
barke sen lig' al interreto,
kunredaktas en kabineto,
estiĝas mirinda rekordo.

Magda Lena el franca nordo.
2008-04-02




## Minosun

### Pasero

en vintro enuiga
pasero ŝvebas sola;
por distro
sur breton la fenestran
ĝi flugas
kaj legas
legadon mian sub sunlumo.



# Ĉineske

## Anteo (Ĉinio)

### Amoro

—laŭ ĉinesko yijiangnan*

amoro,
ĝuo dukora.
oro ĝuigas viron,
sed li karnofavora
estas ostvora.

kaj amo,
kuniĝo kora.
tento ĝuigas inon
sed ŝi spice fervora
estas fetora.

**Yijiangnan (Sopir-al-Sudo): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima)*

### Mono

— laŭ ĉinesko deksessilabo*

mon'
al ĉiuj estas impon'.
for de ĝi
ne vivos demon'.
di'
superas homojn kun pi'.
sed mono
por ĉiuj ebri'.
in'
publike nudigas sin
nur por ĝi;
viro,kun spinklin'.
mon'
en ĉio estas impon'.
etiko,
ago por depon'.

**Deksissilabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Nomus Nimbus (Svislando)

### Tutnudaj dum agado fi

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo

Ĉu,
ĉiam demandante plu,
atestant'
vidis vi nur du?

Ne,
mia vido estis tre
ege klara, sed
bedaŭrinde ne.

Mi
fakte vidis homojn tri
tutnudaj
dum agado fi

### Atendovico por la pico

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo

vic',
senfina atendovic',
acidon
disas kun kapric'.

spic',
serpentume en helic',
alloge
venas el vertic'.

pic',
dum tempeta armistic',
atendo
finis laŭ indic'.



## Lily (Ĉinio)

### Erupto Fontana

—laŭ ĉinesko Fengrusong*

trempas en kuvo bana
senakompana
viro sin konsolas per
rigida
kac' banana
li ĝemkrias base
kun son' spontana

en akvo diafana
moviĝo mana
ekkirlas sapajn ŝaŭmojn
lia klopod' senvana
vere kondukas al
erupto fontana

**Fengrusong (Vento inter Pinoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 7 kaj 6 versoj respektive de 7,5,734,66 / 7,5,77,66 silaboj, laŭ rimarangôo a,a,xxa,xa /a,a,xa,xa (x=senrima)*

## Cindy (Usono)

### Erupto skandala

—laŭ ĉinesko Fengrusong

Li vipas uragane
tiras membrane
ve, bananta viro vi
vundkriojn
dampas vane
la najbaroj aŭdas
kaj ridas rikane

ho, li vundis sin glane
kantis soprane
pro banano tro mola!
sapumu vin subkrane
bananta banano
vi forvelkus bane

## Lily (Ĉinio)

### Enakva Amludo

—laŭ ĉinesko Fengrusong
ha, feliĉe el kaban'
iras al kuv-ban'
fraŭlin' kun grasaj mamoj
tutnuda
jen kun elan'
ŝi volontas esti
en lia akompan'

ŝi ensaltas kiel ran'
kuven sen profan'
ŝi ludas kun li fole
malgraŭ najbara rikan'
rapide ŝi kaptas
lin je l' suba organ'

kvankam molas la banan'
lia talisman'
denove erektiĝas
de ŝia
senta vulkan'
ŝi ekrajdas trone
sur forta ĝentleman'

ŝajn-ebrie de ĉampan'
trempas en vin-ban'
ili tordas kaj tangas
piŝtas kvazaŭ uragan'
ili amoriĝas
en ekstazo sen van'

## Cindy (Usono)

### Enakva amlerno

—laŭ ĉinesko Fengrusong
nu, estis en ŝia plan'
resti en kaban'
ne nur pro grasaj mamoj.
Mallumo
por levjatan'
suspire, tutnude,
hezite al la ban'

Li petis ŝin per la man'
kia ĝentleman'!
Ĝoje, ŝi malvolvas sin
al sur sia amŝaman'
kaj frotis feliĉon
de lia talisman'

La koro estis timpan'
kvita de tiran'
ŝi libere amoris
erupte
kiel vulkan'
subakve, li miris
"Kia anĝelsatan'!"

Nun, ŝi estas veteran'
tiu amtitan'
Ŝi ŝanĝas poziciojn
laŭ seksum-plaĉa spontan'
dank' al vireco de
la bananta banan'

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊